XIII^a^ jaro. N° 196 (12) ☆ Monata ☆ 5 decembro 1916

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**JARA ABONO**

**Ordinara eldono** . . . . . . . . **5. — Frankoj** (2. — Sm.)
**Luksa eldono** . . . . . . . . . **6.25 Frankoj** (2.50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1^a^ de ĉiu monato*

**REKLAMO**

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . **0.40 Fr.** (0.16 Sm.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



## NUNTEMPAĴOJ

## LA PACPROBLEMO

# NOVAJ VOJOJ

XVI

Resumo de la antaŭaj artikoloj. — 1^a^ Parto: La pacproblemo ne estas morala aŭ ekonomia, sed politika kaj jura. — La pacifistaj proponoj. La arbitracio kiel ĝi estas ĝis nun proponita ne estas sufiĉa, ĉar mankas al ĝi la bazo de internacia pozitiva juro kaj la necesaj trudrimedoj. — La principo de la popolrajto je memekzisto devas esti la jura bazo de la estonta ordo. Ĝia apliko postulas interŝtatan organizon. — La limigo de la armadoj. La armadoj estas neevitebla necesaĵo pro la neorganizita stato de la nacioj. Malfacileco trovi akcepteblan limigformulon. Limigo de la armadoj estos nur konsekvenco de interŝtata organizo. — Reformo de la diplomatio. La procedoj de la diplomatio estas kondiĉataj de la internacia ŝtatsistemo. Nur la starigo de ŝtatligo havus la nepran efikon transformi la diplomation, ĉar la funkcio mem de la diplomataro ŝanĝus kune kun la internacia reĝimo. — La komerca politiko dependas de la politika reĝimo. La protekcionismo estas la natura produkto de la interŝtata anarkio kaj povos malaperi nur kun ĝi. — La rolo de la gazetaro. — 2^a^ Parto: Fundamentoj de la federacio (ŝtatligo). Kongreso el la reprezentantoj de la ŝtatoj; ĝia organizo. Plenuma povo. Internacia polico. — Ekzameno de la ĉefaj kritikoj kontraŭ la federacio.

### *La metodoj*

En la realeco la granda plimulto de la homoj volonte allasas, ke sistemo de interŝtata ordo estus gravega progreso kompare kun la nuna anarkio. Multaj sentas, ke nenio en la naturo funde malhelpas ĝian starigon. Sed estas abismo inter tiuj forflugemaj, malprecizaj, senordaj pensoj kaj la klara, forta, necedema konvinko, kiu estus necesa por triumfigi la federacian celadon. Kiam oni povas senpere alparoli niajn samtempulojn, estas facile konvinki ilin pri la multaj preferindaĵoj de la federacia sistemo kaj pri la absurdeco de niaj nunaj bataladoj. Sed tre malfacile estas transformi tiujn teoriajn aprobojn en verajn kredojn kapablajn naski agojn, ĉar oni tiam estas malhelpata per la rutinemo, pasiveco kaj spirita miopeco de la popolamasoj, kaj ankaŭ per la sennombraj faktoj de la ĉiutaga vivo, kiuj deturnas nian volon de la celo atingota.

Interŝtata unuiĝo ne povas kreiĝi per pure mekanikaj rimedoj. Por ke la politikistoj kaj juristoj povu starigi la leĝojn kaj la instituciojn necesajn je la funkciado de ŝtatligo, estas necese, ke ili laboru super komuna idea fundamento. Ili ne devas fiksi la celon, sed nur trovi la teknikajn rimedojn. Per aliaj vortoj, la popolo, sub la instigo de siaj spiritaj kondukantoj, trudas la celon; al la politikistoj apartenas la tasko difini la manieron por ĝin atingi.

Tiu diferencigo estas ofte malatentata. Multaj opinias, ke la solvo de la internacia problemo dependas sole de la registaroj. Ili ne pensas pri la grandega propaganda kaj eduka laborado, kiu estas la necesa fundamento de la registara praktika agado. Oni kelkafoje deziras pacan internacian ordon, sed oni ne ankoraŭ firme ĝin volas; el tio devenas, ke ni ne sukcesas nin liberigi je la nin premanta sistemo, kvankam ni malaprobas ĝiajn sekvojn.

Ĉia grava ŝanĝo en la internaciaj rilatoj postulas antaŭ ĉio la transformon de la homa mentaleco; interpopola unuiĝo reprezentas novan politikan idealon. Ĝi postulas, ke la antikvan naciisman idearon, kiu ĉion rilatigas al la nacio, plej alta manifestiĝo de la kolektiva vivo, anstataŭu pensmaniero regata de la pli alta ideo federacio. Laŭ tiu nova kompreno, la nacia absoluta sendependeco ĉesos esti konsiderata kiel la plej alta valoro, sed kontraŭe estos taksata kiel kaŭzo de la internacia anarkio kaj de ĉiuj malfeliĉoj el ĝi devenantaj; la intereso de la civilizacio postulas la subigon de la nacio al la organizita homaro kaj sekve la forlason de antaŭjuĝoj, kiuj estas ankoraŭ profunde enradikigitaj; la amo al la patrujo pliiarĝiĝos al nova sento ampleksonta tiun superan realajon, en kiu harmoniiĝos ĉiuj patrujoj. Kiu vidas en la kreota ŝtatligo nur organizon por konservi la internacian pacon, tiu perceptas nur la eksteran veron. Por la plimulto de la homoj, la federacio estos verŝajne nur tio, sed por ĝiaj pioniroj ĝi reprezentos ion pli altan, ion nefacile analizeblan, ja necesan en ĉiu socia transformiĝo, nome novan idealon, novan senton, novan pensmanieron, laborceladon por generacio, kiu volas rompi la katenojn de premanta pasinteco kaj atingi novajn suprojn.

La internacia organizo ne estos sole la verko de sciencistoj laborantaj malproksime de la popolo je la farado de leĝoj kaj kodoj kvazaŭ mirakle transformontaj la homajn antaŭjuĝojn. La juristoj ne pli kreos la federacion ol la teologoj kreis la religion. Ambaŭ nur sistemigas la ideojn de la homa medio ilin ĉirkaŭanta. La problemo de interŝtata ordo rilatas unue al la kulturo, kaj nur duagrade je la jurista tekniko.

Necesas do, ke la federacia ideo penetru ĉe la elitojn de la civilizitaj popoloj kaj saturu la mentalecon de iliaj spiritaj kondukantoj. Tiuj elitoj ne konsistos el la hodiaŭaj potenculoj, sed el ĉiuj homoj, riĉaj aŭ malriĉaj, kleraj aŭ nekleraj, humilaj aŭ eminentaj, kiuj estos kapablaj trasenti la noblecon de la idealo de interpopola unuiĝo, kaj al ĝi servadi fidele, humile, pasie, ofereme. En la unua periodo oni pli bezonas fortkarakterajn kaj firme konvinkitajn homojn ol sciencuIojn kaj politikajn eminentulojn. Eĉ se tiuj ĉi, sub la premo de momentaj necesajoj, estus aldevigataj eklabori je la starigo de ŝtatligo, ilia agado rapide estus paralizata de la kutimaj kastaj antaŭjuĝoj kaj intrigoj, se la publika opinio ilin ne subtenus, instigus, laŭbezone alpuŝus sur la vojon al la reformoj. Sen la konstanta kunagado kaj premado de la popoloj, la ekvoloj de la registaroj ne sufiĉos por venki la barojn. Ĝuste el tio parte konsistas la malsukceso de la antaŭaj Hagaj Konferencoj, ke ili estis pure interregistara afero, kontraŭ kiu la publika opinio restis indiferenta. La praktikaj malfacilajoj ne povis esti venkataj, ĉar ĉe la konferencanoj mankis la firma volo atingi pozitivan rezultaton malgraŭ ĉiuj malhelpoj.

Propagando kaj edukado ĉe la popolo mem estas neeviteblaj necesajoj. Ni scias, kio estas starigota anstataŭ la nuna anarkia reĝimo; ni scias, ke tiu transformado, kiel ĉiuj historiaj revolucioj, rezultos el la laborado de la elitoj, kies ideoj iom post iom disvastiĝos en la popolamasoj, aliiĝos ilian mentalecon kaj fine influos la registarojn mem. Elito, popolo, registaro, tiaj estas la sinsekvaj ŝtupoj de la fundamenta ŝanĝo, kiun ni alcelas. Sed kiamaniere disvastigi la novan idealon? Kiamaniere kunigi ĉiujn helpkapablajn homojn? Kiamaniere venki la rutinon kaj pasivecon de la popoloj? Jen gravaj demandoj, kiuj ne devas resti sen respondo. Por kio utilus, ke ni scias la alprenotan solvon, se ni estus nekapablaj montri, kiel ni povas ĝin realigi?

* * *

**La antaŭmilita paca movado ne multe atentis pri la neceseco de sistema reedukado de la publika opinio. Ĝi dediĉis preskaŭ sian tutan agadon al klopodoj ĉe la registaraj rondoj kaj politikaj eminentuloj, kvazaŭ paca ordo povus esti starigata per dekreto, sen ia antaŭa ŝanĝo en niaj ideoj kaj pensmaniero. Por ne timigi la ŝtatistojn, kies helpadon ili alcelis, la pacamikoj penis prezenti la pacifismon sub la plej senkolora aspekto. Kvankam ili daŭrigis teorie kulpigi la internacian anarkion, la tiamaj pacifistoj fakte akceptadis la naciisman dogmaron. De cedo al cedo, ili fine ekforgesis la esencajn principojn de sia doktrino; por ne maltrankviligi la registarojn, ili rezignis je la popola propagando kaj agitado; la pacifismaj manifestadoj fariĝis akademiaj kunvenoj sen iu influo je la publiko, kiu restis indiferenta je juristaj teoriaj diskutoj, tro ofte senutilaj. La paca movado malfortiĝis kiel planto, kiun ne plu atingas sunradio. Nenia aero! nenia lumo! Malgrandigita idealo! malfiera sintenado! tio estas pli ol sufiĉa por mortigi movadon, kiaj ajn estas la bonaj intencoj de ĝiaj kondukantoj. Nenio granda povas sin trudi al la mondo, se ĝin ne subtenas fervoro, entuziasmo, amo, tio estas sentoj. La ideoj pensigas, sed la sentoj agigas. Tion oni forgesis.**

Cetere, estas eraro kredi, ke, eĉ en sia plej modera formo, la pacifismo estos facile akceptata de la registaroj se al tio ne devigas ilin la publika opinio. La ŝtatistoj bone scias aŭ sentas, ke la transformado de la interpopolaj rilatoj laŭ la senco de la pacifismaj proponoj necesigas profundan ŝanĝon de niaj ideoj. La rolo de la registaroj ne estas triumfigi doktrinojn ne ankoraŭ alprenitajn de la popolo, sed nur regadi laŭ la jam akceptataj ideoj. La ŝtatkondukantoj estos pacifistoj kiam la medio ilin ĉirkaŭanta estos trepenetrata de pacifismaj tendencoj; tiel longe kiel regas kontraŭaj tendencoj, ili sin detenas. Tial nemultaj politikistoj ĝis nun respondis je la alvokoj de la pacamikoj. La pli multaj el ili kelkfoje aprobis iliajn klopodojn, sed praktike nenion faris por ilin sukcesigi. Iuj opiniis, ke ili faris pli ol sian devon, subskribante arbitraciajn traktatojn kun tiel multaj limigaj kondiĉoj, ke senvalora estis ilia praktika signifo.

La pli granda parto de la politikistoj ne kredis je la estonteco de la pacifismo, ĉefe ĉar tiu ĉi neniam reprezentis atentindan forton. Pli utila por la pacafero estas la politikisto kiu kontraŭbatalas la pacifismon ĉar li timas ĝin kaj do serioze ĝin konsideras, ol la ministro, kiu paroladas banalajn laŭdojn pri la nobleco de la paca celado kaj, en la fundo de sia animo, konsideras la pacamikojn kiel aron de senkulpaj idealistoj tute malatentindaj je la praktika vidpunkto. La unua fortigas; la alia dormigas.

Ĉu tiuj rimarkoj signifas, ke la registaroj ne estas interesataj en la demando? Certe ne, ĉar tiel longe kiel la registaroj flanke restos, internacia ŝtatligo estos pure teoria deziresprimo. Sed ni volas substreki, ke la registaroj povos efike agi nur tiam, kiam la publika opinio estos reedukita kaj en ĉiuj landoj ekzistos energia, konscia, bone organizita homgrupo, kiu per siaj tutaj fortoj laboros je la atingo de la paca celo. Tiam, la ĉefideoj, kiuj regas la popolojn, modifiĝos; la internacia pensmaniero iom post iom penetros en la cerbojn, kaj inokuliĝos ankaŭ al la registaroj.

Eble oni asertos, ke jam antaŭ la nuna konflikto la publika opinio estis ĉiulande malfavora je la militemaj tendencoj, kaj ke malgraŭ tio la katastrofo tute ne estis evitita. Nedubeble. Tio tamen ne tuŝas nian tezon. Ekzistas fakte gravega diferenco inter la spiritstato de la homo, kiu ne volas la militon, ĉar li scias ĝiajn abomenajojn aŭ simple timas ĝin, kaj la pensmaniero de la homo, kiu konstante, sisteme, pasie, volas internacian ordon, per kiu la militkaŭzo estos forigita. La unua protestas kontraŭ la naturaj efikoj

de sistemo, kiun li ne kontraŭbatalis, kiun li eĉ subtenis kaj gloriaŭdis, kiam la danĝero ne ŝajnis proksima. La alia scias, al kio li celas, li konas la kaŭzon de la malbono kaj dediĉas sian energion al ĝia elradikigo. Ne fari la malbonon aŭ fari la bonon estas du tre malsamaj sintenadoj. Jes, estis milionoj da homoj, kiuj nun sentas abomenon kontraŭ la milito, sed nenion ili faris por forigi ĝin. Vane ili kulpigas; tro malfrue ili ĝemas: ili ne volis la militon, sed ili neniam sciis voli tiun staton per kiu la milito fariĝos evitebla. La homaro estis simila al tiuj personoj, kiuj tre ŝatas la bonfarton, sed nenion faras por eviti la malsanon. Kiam ili malsaniĝas, ili kulpigas ĉiujn, escepte sin mem.

*(Daŭrigota.)* *H. Hodler.*

##  SOCIA VIVO 

### La prezo de la Paco

En tiu ĉi artikolo, S-ro P-ro *A. Lawrence Lowell*, Prezidanto de la Harward-Universitato, New-York, klarigas la celon de la Ligo por eldevigo al paco (League to enforce peace), kiu estas kreita kaj subtenata de multaj Usonaj politikaj eminentuloj, i. a. de S-ro Eks-Prezidanto Taft kaj de S-ro Prezidanto Wilson.

Ĉu la paco meritas, ke oni pagu prezon por ĝi? Se ne, ĝi devas esti io havebla sen prezo, aŭ tute ne havebla, aŭ tute nevalora. Nuntempe neniu konsideros tiujn tri supozojn konsenteblaj. Sed organizo, kiu laŭdas la pacan movadon, devas esti certa, ke la paco estas valora, kaj ke en kelka mezuro ĝi povas esti realigata. Tia organizo ankaŭ ne povas konsenti, ke la paco povu esti akirita alie ol penege kaj multekoste. Ĉiu progreso de l' homa bonfarto postulas konformigon, kompromison kaj oferon de ia flanko. La publika ordo kiel la juĝa agado postulas, kelkfoje per devigo, limigon de persona libereco. La batalo kontraŭ la mizero, kaj la edukado de la junularo povas esti plenumataj nur pere de la, ankaŭ ne ĉiam libervola, kunhelpo de la impostpagantoj. Tiel longe kiel ni ne havos la miljaran regnon, kiam ĉiuj estos prudentaj kaj malegoistaj, ni ne posedos staton, en kiu oni povos havi iun bonon, ne pagante por ĝi prezon, kaj certe popoloj, en siaj interrilatoj, ne estas pli malegoistaj kaj grandanimaj ol la individuoj.

Se do la paco estas inda je prezo, kiel granda kaj kiaspeca ĝi estos? La nuntempe en Eŭropo furiozanta milito kun siaj grandegaj elspezoj, sia detruo de posedaĵoj, de urboj kaj de kamparaj bienoj, kun la suferoj de la soldatoj kaj de la civiluloj, la vivoj perditaj, pli ol alia montris, ke la paco estas valorega.

Kiun valoron ĝi havas en mono? Se la demando estus solvebla je pura mona bazo, estus eble proksimume nomi la sumon. Kiam perdo, se ĝi ne povas esti evitata, estas atendota, laŭ ĝeneralaj komercaj principoj, la evito de ĝi postulas jaran pagon, kiu egalas la procentojn de la perdo. La elspezoj de tiu ĉi milito sumiĝas por Anglujo, ĝis la 1 Aŭgusto, je 11,190,000,000 dolaroj; je la fino de la milito ili antaŭvideble sumiĝos je la duoblo. La procentoj de tiu ĉi sumo sumiĝas proksimume je 550,000,000 dolaroj jare. Sed estas senutile, klarigi la militeviton laŭ mona bazo. La paco ne povas esti aĉetata per mono, kaj la monaj perdoj ne estas la plej grava malbonaĵo de la milito.

Kiun alian valoron havas la paco? Estas homoj, kiuj diros, ke ĝi valoras ĉiun prezon postulitan. Tio ne estas tute ĝusta. Ni supozu, ke la Romanoj lasis al gota tribo la elekton inter milito kaj persona sklaveco; aŭ ni supozu, se io tia estus imagebla, ke la sama elekto estu proponita al popolo moderna; tiam povus esti nur unu respondo. Kion ni nun diros pri la politika submetiĝo? Ĉu la Hungaroj, kiam ili estis devigataj de la Turkoj, elekti inter milito kaj submetiĝo, ne havis la rajton malespere batali? Ĉu do submetiĝo sub fremda popolo ne estas prezo tro alta por la paco?

Estas homoj seriozaj, kiuj opinias, ke estonte militoj povos esti malhelpataj per la malpermeso de la armilfabrikado de l' flanko de privatuloj kaj de la armilkomerco inter la ŝtatoj. Tamen tio fordonus la malgrandajn ŝtatojn en la potencon de la grandaj kaj al la danĝero de plena politika submetiĝo. Svislando ekzemple ne estus kapabla, starigi ŝtatan fabrikadon de grandkalibraj pafilegoj. Se ĝi ne povus ilin aĉeti, ĝi estus nekapabla defendi sian teritorion. Kia estus ĝia sorto en la nuna milito, kaj kiaj ĝiaj ŝancoj por daŭra sendependeco? La Armenoj kaj ankaŭ la Grekoj, kiam ili ankoraŭ estis sub la turka estreco, havus kaj estus havintaj nenian esperon pri liberigo, se en la turka regno la armiloj por la uzo de la propraj soldatoj povus esti fabrikataj nur de la registaro kaj ne importataj el ekstero. Tia plano signifus konstantan, de l' konsento de ĉiuj civilizitaj popoloj, rajtigitan subjugigon.

Se persona sklaveco aŭ nacia submetiĝo estas tro alta prezo por la paco, ĉu tiam valoras pago, per kiu homvivoj estas endanĝerigataj kaj eble oferataj? Ĉu la konservo de l' ordo kaj la evito de krimoj en granda urbo valoras la vundigojn kaj mortigojn, kiuj kelkfoje okazas inter la policanoj plenumantaj sian devon? Aŭ ĉu ni prefere diras, ke estus pli bone, ne havi gardistojn de publika ordo por malhelpi la krimojn kaj la malpacon, ol permesi al la policanoj apliki perforton, riskante sian vivon? Nur fanatikulo stariĝus por forigo de la policpovo, tial ke poste ja fariĝus pli da batalado kaj da sangverŝado. Se la policaro estus forpermesita, la ordamaj civitanoj sin tuj organizus kiel komitaton de sekureco, por forigi la malordon. La polico do plene valoras ne nur la respondajn elspezojn, sed ankaŭ la vundigojn kaj la mortoferojn, kaŭzitajn de la evito de perfortoj multe pli nombraj.

Kion ni nun diros pri internacia polico por limigo de l' sangoverŝo inter la popoloj? Ĉu tia starigo ne povus esti pravigata laŭ la samaj motivoj? Ĉu la elspezoj de tia starigo, aŭ la vivperdoj, kiuj eble okazus dum momenta forigo de malamikaĵoj, estus prezo tro alta por la evito de multaj militoj kaj per la ĝenerala anstataŭigo de la ŝtata memhelpo per la juĝopovo plenumita de internacia kortumo? Se tia starigo estus sufiĉe potenca, ĝia nura ekzisto sufiĉus por konservi la pacon, kaj ĝi nur malofte estus devigata ekpafi.

Sed en la nuna stato de politika organizo de l' mondo internacia polico ŝajnas neebla. La ŝtatoj ne konsentus, meti grandajn partojn de trupoj sub la kontrolo de ia ajn internacia estraro. Kaj tiuj trupoj verŝajne ne obeus al tiu estraro kontraŭ la deziro aŭ sen la nepra ordono de sia propra registaro. Estas nenature kaj sekve kondamninde, starigi polican potencon, se ne ekzistas konstanta registaro, havanta ĝeneralan juĝopovon en la police administrota teritorio. Tia registaro ne ekzistas, kaj ne povas nuntempe esti starigata super la diversaj ŝtatoj en la civilizita mondo. Kio ajn okazos en malproksima estonto, la granda plimulto el la popoloj ne deziras nun mondregadon tiaspecan.

Ni havas malkonsenton pri landlimo kun neorganizata registaro kaj estis ripete elmetitaj al superfortoj. En tiaj kondiĉoj la Amerikanoj ofte starigis protektajn komitatojn el ĉiuj bonaj civitatanoj por perforte restarigi la ordon, kaj la starigo de tiaj komitatoj treege malpliigis pafadon kaj sangoverŝadon. *Tio estas, kion la „Ligo por la eldevigo de la paco" inter la ŝtatoj proponas apliki.*

Neniu opinios, ke komitato por sekureco estas alta formo de politika organizo. Ĝi estas nur rimedo por eviti pli malbonajn situaciojn; kaj neniu ankaŭ pretendos, ke Ligo por eldevigo de la paco estas la lasta vorto de la kulturo; sed ĝi plivaloras ol milito. Kiel en la okazo de la protektaj komitatoj, ĝi signifas prezon en formo de penadoj, de personaj oferoj je ripozo, en formo de enm.kso en la malkonsentojn de aliaj, kaj de l' risko de l' ofero de kelkaj vivoj, por eviti pli multnombrajn kaj pli maljustajn vivoferojn. Se ĝi povus esti starigata, ĝi certe ne estus tro alta prezo pagita por la paco.

Ĉu la ligo plenumos sian taskon? Tio estas alia demando, kiu devas esti ekzamenata kun la supozo, ke se ĝi kapablas tion fari, ĝi valoras sian prezon; ke kiam la rezulto estos atingita la prezo estos proporcia. Kompreneble oni ne povas certigi, ke tia ligo povas esti starigata, aŭ ke, se ĝi estas starigata, ĝi montriĝos efika por la protekto de la paco. Neniu povas antaŭdiri, ĉu la starigo estas ebla aŭ ne, ĝis kiam oni faris la provon, kaj tiu ĉi provo nepre devus esti farata, se laŭ sia kunmetiĝo, la ligo ŝajnas kapabla atingi la deziritan celon. Tiu ĉi lasta punkto do devas esti fundamente ekzamenata.

La plej proksima tasko de la ligo estas tre simpla, multe pli malampleksa ol la taskoj de protekta komitato ĉe landlima malkonsento. Ĝi ne devas provi, eviti ĉiujn militojn, tial ke tio ne estas farebla en la nuna stato de la civilizacio. Ĝi nur alcelu, ilin laŭeble eviti. La rimedo, kiu ŝajnas plej promesanta, estas la *prokrasto*. La aprobantoj de la ligo opinias, ke, se por ĉiuj malkonsentoj oni povus certigi prokraston por la daŭro de unu jaro, la plimulto de la militoj estus evitataj, precipe se, kiel antaŭvidas la ligo, tiu jaro estus destinata al publika klarigo de l' malkonsento antaŭ internacia tribunalo aŭ interkompreniĝa konsilantaro. Ĉar, kiam milito estas deklarita, ĉe l' alvoko de ilia registaro la popoloj alkuras al la bataliloj, kaj la esploro, ĉu ilia patrujo rajtas aŭ malrajtas, ŝajnas al ili nepatriota. Tio estas per si mem nek nenatura nek nekonvena, sed ĝi estas ekspluatata de ruzaj diplomatoj, kiuj ja scias, ke ju pli maljusta milito estas, des pli subite ĝi devas esti deklarata. Se oni povus nepre postuli unujaran prokraston, je la kondiĉo, ke la klarigo ne estos malhelpita de militordonoj, multaj homoj en la militantaj nacioj kaj pli multaj inter la neŭtraluloj, konvinkiĝus, ke la malkonsento ne valoras la oferojn je sango kaj mono, kaj ke saĝa pacigo povas esti efektivigata per aliaj rimedoj.

Oni asertis, ke Ligo por eldevigo de la paco ne estus povinta eviti la nunan militon, ĉar post unu jaro la militantaj nacioj estus estintaj same pretaj militi kiel antaŭe. Aliparte oni diris, ke se oni estus prokrastinta la militon je unu jaro, ĝi neniam estus okazinta. Unu jaro estus doninta tempon por pripenso, kaj kvankam la homa antaŭvido estas malcerta, tamen multaj inteligentuloj estus antaŭvidintaj kelkajn el la rezultoj de la milito. Se nur grava parto de tio, kio okazis, povus esti antaŭsentita, ne estas kredeble, ke la popoloj de iu ajn el la militantaj ŝtatoj estus dezirinta la militon, aŭ ke la Serba demando ne estus ordigita sen milito.

La metodo, laŭ kiu la Ligo por eldevigo al la paco intencas realigi la jaran prokraston kaj la starigon de internacia juĝistaro, aŭ pli bone efiki prokraston por la daŭro de la pendeco de la afero (pri la daŭro de la procedo antaŭ tiu korporacio nenio estas fiksita), konsistas el interkonsento inter la membroj (ŝtatoj), ke ili kolektive uzos siajn ekonomiajn kaj militistajn fortojn kontraŭ ĉiu el siaj vicoj, kiu faros malamikajojn kontraŭ alia, ne submetinte la disputeblan demandon, se ĝi havas juĝan karakteron, al arbitracia tribunalo, aŭ se ĝi ne havas tian karakteron, al interkompreniĝa konsilantaro. Alivorte: *Ĉiu ŝtato, kiu volas almiliti alian, ne submetinte sin al antaŭa perado, tuj troviĝos en milito kun ĉiuj liganoj.*

Se ĉiuj plenumas sian devon, estas certe, ke neniu unuopa ano de la ligo preferos havi ĉiujn aliajn kontraŭ si, ol konsenti la prokraston kondiĉitan de la submeto de la afero al la tribunalo aŭ al la konsilantaro por interkompreniĝo. Sed ĉu ĉiuj efektive faros sian devon? Estas neeble tion certigi, tial ke la ligo havas nur kontraktpovon kaj ne limigas la sendependecon de la liganoj. Ekzemple en la Unuigitaj Ŝtatoj la milito povas esti deklarata nur de l' Kongreso, kiu rajtus rifuzi la plenumon de devo alprenita de l' ŝtato. La rifuzo certe estus rompo de ŝtata devo, kiu estus malĝojiga por popolo fiera. Entute, ŝtato decidinta militi, povus esti certa, ke la liganoj ne hezitus fari sian devon, tiel ke la danĝero, havi ilin ĉiujn kiel malamikojn, certe ĝin ektimigus. La nura ekzisto de tia kontrakto havus sufiĉe gravan efikon.

Kompreneble ekzistas ankaŭ la ebleco, ke ĉiuj ŝtatoj de la ligo inter si malpaciĝus, kaj estus egale dividitaj pri la demando, tiel ke ĝenerala milito inter ili povus eksplodi. Tio estas ebla, sed tre neverŝajna kaj nur montras, ke neniu plano povas tute malhelpi militojn. Do eĉ tio ne estus argumento kontraŭ tiu plano, se ĝi tamen kapablus malhelpi kelkajn, eb.e la plej multajn militojn, kiuj alie okazus.

Oni precipe atentu, ke la ĉefa celo de la ligo estas, ne altrudi la pacon al la tuta mondo, sed nur al ĝiaj membroj. Se ĉiuj gvidantaj ŝtatoj aniĝus, oni tiun celon atingus, kaj se nur kvar aŭ kvin grandpotencoj aniĝus, kaj se tiuj ĉi sukcesus, certigi la pacon inter la liganoj, oni havus jam grandan gajnon. Ligo de daŭra paco inter ĉi tiuj ŝtatoj malrekte influus la aliajn. Kiam la historiisto Ferrero, kelkajn jarojn antaŭ la ultimato al Serbujo, restadis en nia lando, li diris, ke la Amerikanoj ne havas ideon pri tio, kion signifas, vivi kun la konstanta timo de almilito. Do, popoloj ekster la ligo, vidante grupon de ŝtatoj en relativa sekureco, dezirus partopreni en ilia sorto, kaj unu post la alia postulus la aniĝon, ĝis kiam la restantoj nekapablus kontraŭstari la impulson. Devigi neanigitajn ŝtatojn, submeti iliajn malkonsentojn al arbitracia tribunalo, antaŭ ol ili ekmilitas, ŝajnas neeble tiel longe kiel la liganaro ne estas sufiĉe potenca por bridigi la mondon. Sed ne estus malfacile, plenumi la kondiĉojn de l' konsento inter la ŝtatoj, kiuj libervole aniĝis.

*La celo de la ligo konsistas nur el tio, modere kaj primitive — ambaŭ nepre kunligitaj kun la elementoj de politika organizo — meti la perforton malantaŭ la popolrajto.* Sen perforto tiu rajto estas nur mora kodo, ligante nur la konsciencojn, anstataŭ kondutregulo, kiu devas esti obeata. La kunligo de kelkaj grandaj ŝtatpotencoj tiucele sendube signos progreson sur la vojo de la civilizado, kaj por ĉiu el la partoprenantoj la perspektivo je paco inter si kaj kun la tuta mondo plene valorus la pagotan prezon. Dum la ellaborado de tia plano sendube montriĝos diversaj malfacilaĵoj, kaj multaj opiniaj diferencoj estas akordigotaj. Oni devos pripensi, esplori kaj solvi la demandojn pri starigo de l' tribunalo kaj de l' konsilantaro por interkompreniĝo, kaj pri la procedoj konsiderotaj kiel komenco de malamikajoj, pri la konduto dum pendantaj arbitraciaj procesoj. Fermi la okulojn antaŭ tiaj malhelpaĵoj, signifus blindecon; ilin malatenti estus danĝere; sed ĝi ankaŭ montrus miopecon, nepre deklari, ke tiaj malhelpaĵoj ne povas esti venkataj de ŝtatistoj, kiuj kun sincereco volas ilin plenumi.

Estu ankaŭ insiste rimarkigate, ke la Ligo por eldevigo al la paco kun sia plano, meti la perforton malantaŭ la popolrajto, tute ne intencas forigi la penadojn, kiuj celas firmigi la pacon inter la homoj per plifortigo de la bonvolo kaj de la reciproka konsento. En komunumo la konservo de l'ordo per devigo tute ne malpliigas la okazojn por

**amikaĵoj kaj reciproka respekto; ĝi kontraŭe ilin pliigas. La nelimigita duelo kaj la sangovenĝo ne kapablas naski indulgon kaj pardonemon.** Kristana kompatemo pli bone prosperas en deviga paco ol en libera batalo, pli bone sub la leĝo altrudita ol sub tiu, kiu senpune estas malobeata de l' homo armita.

*A. Lawrence Lowell,*
Prezidanto de la Harward-Universitato, New-York.
Trad.[1]: *A. C.*

## Nova centro de la Bahajanoj

**Oni scias ke la Bahaismo estas religia movado celanta la harmonian kuniĝon de ĉiuj ekzistantaj religioj. Tiu celado naskiĝis en Persujo kaj trovis multajn adeptojn en Oriento, eĉ lastatempe en Okcidento kaj en Ameriko. La Bahajanoj ĵus starigis en Ĉikago novan centron, pri kiu ni ricevis la ĉi-subajn informojn. La Esperantistoj jam scias, ke la ĉefo de la Bahaismo, Abdul Baha, rekomendis al siaj adeptoj la lernadon de nia lingvo.**

*Maŝrak El Azkar*, tia estas la nomo de universala loko, kie ĉiuj rasoj kaj religioj povus adori Dion, unikan por ĉiuj. La persa nomo signifas „Lumejo por la Parolo de Dio". Tia Dia Civito devas enhavi grandan templon por Diadorado, edukejon por orfoj, kolegion por superaj studoj, rifuĝejon por kripluloj, malsanulejon kaj azilon por vojaĝantoj. La pordoj de tiu ĉi Civito estos ame malfermataj al ĉiuj homoj de kia ajn religio aŭ raso. La unuan fojon la homaro havos harmoniigon de la religio kun la scienco.

Nuntempe, la Bahajanoj ĉiulandaj interkonsentis konstrui tian Universalan Civiton en la urbo Ĉikago. Dank' al komuna penado, la Bahajanoj povis aĉeti terpecon je 9 akroj, en la ĉirkaŭaĵo de Ĉikago, apud la lago Miĉigan. Loĝantoj de la malproksima Oriento, el Birmo, Hindujo, Egipto kaj eĉ el la plej malproksimaj lokoj de Persujo, sendis monoferojn al la malproksima Okcidento, por helpi la aĉeton. Okazis la unuan fojon, ke eĉ malriĉuloj de la malproksima Oriento sendis monon al la malproksima Okcidento, por konstrui Universalan Diciviton.

Kiam Abdul Baha vojaĝis tra Usono dum la jaro 1912, Li mem benis tiun ĉi landon kaj diris al la Bahajanoj, ke la plej granda laboro, kiun ili povus fari, dum Li marŝas ankoraŭ sur tiu ĉi tero, estas konstrui tiun ĉi Dian Civiton. Li diris, ke la temploj estas simboloj de la elmontro de Dio; tial la konstruota templo staros, kiel simbolo de la unueco de religioj. Li diris, ke la Bahajanoj ne devas komenci konstrui, ĝis ili kolektos du cent aŭ tri cent mil dolarojn, ĉar la konstruota Civito devas esti la plej bela kaj perfekta. Ĝi havos novan arĥitekturon kaj estos ĉirkaŭata de belaj ĝardenoj kun naŭ fontoj kaj naŭ pordegoj. La tuta konstruplano estos bazita sur la nombro naŭ, ĉar ĝi estas la Bahaja nombro, la plej supera el ĉiuj nombroj. La unuiĝo de religioj kreos novan arhitekturon, car la religioj servas, kiel fundamentoj por ĉia arĥitekturo en la mondo. Abdul Baha diris, ke tiu ĉi Dia Civito similos al bela bukedo.

La Bahajanoj nun deklaris, ke oni metos la fundamentan ŝtonon de tiu ĉi Templo la 12 novembro 1917 — tago de la centjara datreveno post la naskiĝo de Baha-ollah.

Homoj diverslandaj el ĉiuj nacioj kaj religioj devas kunhelpi tiun ĉi konstruadon. Eĉ la plej malriĉa povas partopreni je tio, ĉar senmonulo, amanta Dion, povas helpi per sia laboro. Ju pli da nacioj kaj religioj unuiĝos, por konstrui tiun ĉi Templon-Civiton, des pli granda estos la ligilo inter homaranoj.

Baha-ollah diris: „Vi estas ĉiuj filoj de unu branĉo kaj fruktoj de unu arbo".

[1] El *„Friedens Warte"*.

La unuan fojon en la Okcidento oni aŭdis pri la Bahaja movado en la urbo Ĉikago, dum la jaro 1904, de persa komercisto. En tiu ĉi urbo diversrasa popolo el multaj landoj kunloĝas kaj interrilatas; novaj ideoj ellaboriĝas tie.

Ĝis nun nur unu Maŝrak El Azkar estis konstruita en la mondo: ĉe Asĥabad, Rusuja Turkestano. En Persujo la mahometana registaro ne permesis konstrui. Asĥabad troviĝas proksime al la limo de Persujo, kaj grupo de Persaj Bahajanoj koloniiĝis tie, laŭ la deziro de Baha-ollah. La plimulto da ili estis malriĉuloj, sed, dank' al sia granda sindonemo kaj unueco de spirito, ili sukcesis konstrui tiun ĉi mirindan universalan templon. La Bahajanoj mem kunlaboris je la konstruado kaj ŝparis nek penon, nek elspezon, por fari ĝin belega. En la jaro 1903 la angulan ŝtonon metis eĉ oficiale Kuropatkin, guberniestro de Asĥabad.

La fotografaĵo de ceremonio, sendita Ĉikagon, tiel inspiris la Bahajanojn de la Okcidento, ke ili decidis konstrui duan Universalan Civiton en Ĉikago. Abdul Baha konfirmis ilian intencon. Nun la malgranda semo radikiĝis, kreskis kaj estas preta fariĝi bela arbo, kies radikoj estas formataj el ĉiuj radikoj de la pasintaj arboj (religioj), maljuniĝintaj pro la tempo. Hodiaŭ freŝa juna arbo ekkreskas; ni nin turnu al ĝi tutkore.

*Agnes B. Aleksander* (Tokjo).

# ✱ NOTOJ ✱

.˙. **Pri la psikologio de la militista heroeco.** — Pri tiu ĉi temo jene skribas en la revuo „Vita e Pensiero" itala Pastro Agostino Gemelli, el la ordeno de Sta-Francisko, kiu kiel militista pastro estas ĉe la batallinio en konstanta kontakto kun la soldatoj:

„Mi kelkafoje ĉeestis je la gratulado, kiun oficiroj kaj soldatoj prezentis al kamaradoj post kuraĝa ago, kaj mi trovis la heroon tre surprizita je la laŭdoj. Kiam oni teorie pensas pri heroaĵo, oni imagas, ke tiu, kiu plenumas ĝin, estas kapabla ĝin serene taksi: unuflanke la verŝajna morto, aliflanke la memforgesema ago; tie ĉi sinofero, tie servo al la patrujo. Ne vere! La heroeco estas ŝuldata al tute aliaj faktoroj, kiuj neniel estas altaj, altruistaj, noblaj sentoj, sed pli ĝuste personaj, nealtaj, kapablaj efike kontraŭbatali la instinkton de memkonservado. Ĉe heroaĵo, la amo al la patrujo partoprenas en tre malgranda mezuro, kaj ĝia influo estas malgranda. Ankaŭ la religia sento ne partoprenas en nobla formo. Jen, estas la deziro al paco, al paradiza paco, kiu forprenos la malfeliĉulon de la suferado, de la turmentado de l' senĉesa kanonpafado, de la vidado al la vunditoj Jen, estas speco de malhumileco: „Ĉiuj scias, ke mi estas fervora kristano; mi devas montri, ke mi scias morti." Jen estas la certeco, ke la preĝoj de amata persono aŭ la speciala religia formalaĵo donas imunecon ... „La memvolaj militistoj estas tiuj, kiuj plej malmulte plenumas heroaĵojn ... La kleruloj estas iafoje malbonegaj soldatoj, nekapablaj elporti la militistan vivon, ĉar ili estas nekapablaj rezigni je sia propra personeco. Estas malfeliĉuloj, kiuj vivas en la malnova mondo, al kiu ili apartenis, neadaptiĝante al la nova. Ilia malnova personeco grave malhelpas heroajn agojn, t. e. agoj kontraŭaj je la konservado de ilia propra personeco ... La preparado de la soldato al heroaĵoj konsistas en plena indiferentigo je liaj familiaj korinklinoj, je liaj interesoj, je ĉio, kio ligas lin al la vivo. (Tion li ne forgesas, sed forpelas en la fundon de sia konscio.) Ĉiuj pridemanditaj soldatoj diris: „Mi bezonas ne pensi pri mia hejmo", aŭ „Se mi legas leteron el la hejmo, ektremas miaj kruroj ...".

„La heroa soldato estas precipe la tre disciplinita soldato, al kiu estas indiferente fari tion aŭ tion ĉi. Ĉio lin samgrade interesas; li ĝin plenumas, ĉar oni ordonis al li, en la nomo de sama principo: **la militista disciplino.** Tiuj agoj ne havas propran valoron; ili **estas**

ordonitaj. La soldato ĉesas esti li; lia personeco fariĝas alia; lia soldata vivo estas parantezo en lia vivo; ĝi ne estas lia vivo, sed alia vivo, al kiu li aljuĝas nur relativan gravecon... Plej ofte la heroaĵoj estas plenumataj de soldatoj, kiuj, veninte de la kamparo, maldelikataj, malkleraj, pasivaj, suferis dum monatoj aŭ jaroj la influon de la kazerna vivado senplende, senrezistc... „Aldonu al tio, ke la heroeco ne estas definitiva animstato; multaj viroj ordenitaj pro heroaĵoj forkuras kelkajn tagojn poste." — Trad.: *A. R.*

∴ **La internigitoj en Svisujo.** — El la neŭtraleca raporto de la Svisa Federala Konsilantaro, ni eltiras la jenajn informojn pri la internigo de la malsanaj aŭ vunditaj militistoj en Svisujo:

Estas nun 18,848 internigitoj, nome:

| | Oficiroj | Soldatoj | Civiluloj |
|---|---|---|---|
| Aŭstrianoj . . . | | — | 1 |
| Belgoj . . . . | 64 | 1076 | 453 |
| Britoj . . . . . | 69 | 1188 | — |
| Francoj . . . . | 497 | 9224 | 1639 |
| Germanoj . . . | 203 | 3947 | 496 |

Estis rehejmigitaj de la 1 septembro kiel invalidoj:

| | Oficiroj | Soldatoj | Civiluloj |
|---|---|---|---|
| Belgoj kaj Francoj | 5 | 393 | 105 |
| Germanoj . . . | 3 | 10 | 3 |
| Mortis aŭ forkuris: | | | |
| Belgoj . . . . | — | 1 | 4 |
| Britoj . . . . . | — | 4 | — |
| Francoj . . . . | 1 | 45 | 11 |
| Germanoj . . . | — | 7 | 4 |

La komisionoj por la laborigo de la internigitoj ekfunkciis.

Svisaj sanitaraj komisionoj denove veturis al Germanujo, Britujo kaj Francujo por elekti la malsanulojn aŭ vunditojn internigotajn konforme al la konvencioj. La kolonio de la internigitoj baldaŭ pligrandiĝos je kelkaj miloj da homoj.

La interŝanĝo de la sanitaristoj inter Francujo kaj Germanujo rekomencis: 964 Germanoj kaj 2967 Francoj estis rehejmigitaj de la komenco de septembro.

Rilate al evakuitaj aŭ rehejmigitaj civiluloj, 152 Francoj, 65 Germanoj, 33 Aŭstro-Hungaroj, 21 Albanoj trairis Svisujon. La Federala Konsilantaro krom tio kunhelpis al la konkludo de interkonsento inter Francujo kaj Germanujo por la rehejmigo de almenaŭ 20,000 evakuitoj el norda Francujo.

De la komenco de septembro Francujo, Aŭstrio-Hungario kaj Serbujo decidis aliĝi al la konvencio por la interŝanĝo de gravevunditoj. Spite la klopodoj de la Federala Konsilantaro, nenia interkonsento ankoraŭ okazis inter Aŭstrio-Hungario kaj Italujo pri simila interŝanĝo kaj la internigo de la malsanuloj kaj vunditoj en Svisujo.

Kontraŭe, Francujo kaj Aŭstrio-Hungario aliĝis al la konvencio pri la internigo de la malsanuloj kaj vunditoj, sed nur civilaj.

La Federala Konsilantaro daŭrigas laŭeble agi por mildigi la sorton de la militkaptitoj kaj por forigi la malkonsentojn inter la militantaj regnoj pri la internigo kaj interŝanĝo.

∴ **Enkonduko de la latina skribo en Japanujo?** — Lastatempe trairis la gazetaron informo laŭ kiu la japana registaro intencas enkonduki en la lando, anstataŭ la ĥinan vortskribsistemon, la latinan skribmanieron (Vidu „*Esperanto*" de 5 oktobro, paĝo 13). Kiu iom konas la lingvajn kondiĉojn de Orienta Azio, tiu scias, ke tia informo ne povas esti korekta. Ĉiuj provoj, doni al la popoloj de la malproksima oriento literan skribon laŭ iu ajn formo devas malsukcesi pro la simpla kaŭzo, ke la ĥina, kaj la aliaj de ĝi influataj lingvoj, ne estas legeblaj per tia skribo. La ĥina lingvo estas unusilaba kaj tre malriĉsona, kiu esprimas sian plenan vortaron per ĉirkaŭ 450 silaboj diversaj. Ĉiu silabo havas kelkfoje dekojn kaj pli da diversaj signifoj, kiuj por la okulo povas esti montrataj kaj diferencigataj per vortskribo, donanta por ĉiu signifo specialan skribsignon. La japana lingvo, konsistanta duone el vortoj de ĥina deveno, havas la saman malfacileon kaj pro tio ne malpli multe bezonas la vortskribon. La ĥina skribo, komprenebla sen scio de la landa lingvo, formas la unuigan spiritan ligilon inter la orientaziaj nacioj. Ĝia forigo signifus por la oriento gravan danĝeron por ĝia spirita vivo. Kial ili devus forigi komprenilon, kiun la eŭropaj popoloj serĉas ankoraŭ vane ĝis hodiaŭ? Kio fariĝus el la perloj de la japana literaturo, mezurebla laŭ aĝo kaj amplekso kun la literaturo de la eŭropaj nacioj, se oni cedus la rimedon de ĝia komprenigo. Fine ankaŭ oni devas konsideri, ke pro la granda artista sento de la japanoj, la estetika flanko de la demando ne restas sen influo. Neniu povas nei ke la ĥina skribo estas neatingebla laŭ beleco kaj imagebleco. Kio koncernas la tre oftan diron pri la malfacileco de la ĥina skribo, oni ĝenerale havas ideon multe trograndigitan. Fakte la akiro de la ĥina skribo estas apenaŭ tiel malfacila kiel la ellerno de la angla aŭ germana ortografio. Ankaŭ ne estas necese, koni 40,000 signojn, sufiĉas 3000—4000 por kompreni ĉiun tekston, escepte specialajn sciencajn verkojn. Ellernita, la ĥina skribo estas multe pli facile kaj rapide uzebla ol litera sistemo, eĉ al telegrafo kaj skribmaŝino oni ĝin adaptis. Pro ĉiuj tiuj kaŭzoj tiu registara decido verŝajne ne estas konforma al la vero. Se tamen ĝi havas realan bazon, ĝi povas esti nur tiel, ke flanke de la malnova skribo oni uzas la latinan por skribado de la japana lingvo ĉiutaga, malpli traigita de ĥinaj partoj. Ĉiuokaze ne povas esti ke la ĥina skribo estas anstataŭita per la latina. — *H. J.*

(Ni estus dankaj al niaj japanaj samideanoj se ili povus informi nin pri la vera signifo de la registara decido rilate al tiu demando. Ŝajnas, ke la eŭropaj gazetoj malĝuste raportis pri tiu afero. — *Red.*)

 LITERATURO 

# Studento

Rakonto de **Anton Ĉeĥov**

La vetero komence estis bona, kvieta. Kriadis turdoj kaj en najbaraj marĉoj io vivanta plende sonadis, kvazaŭ iu blovus en malplenan botelon. Skolopo eligis tiratan sonon, kaj pafo al ĝi gaje resonegis en la printempa aero. Sed kiam en la arbaro mallumiĝis neĝustatempe ekblovis de la Oriento malvarma penetra vento, ĉio silentiĝis. Sur la pluvkavetoj etendiĝis glaciaj nadloj, la malvigla arbaro ne allogis plu la homon. La vintro minacis reveni.

Ivano Velikopolskij, studento de Eklezia Akademio, filo de subdiakono, revenante el birdĉasado hejmen, marŝis jam longe sur vojeto tra rivera herbejo superakvata. Liaj fingroj rigidiĝis, la vizaĝo varmegiĝis pro la vento. Ŝajnis al li, ke tiu ĉi subite okazinta malvarmo rompis en ĉio la ordon kaj konkordon, ke la naturo mem sentas sin timege, kaj pro tio la vesperkrepusko venis pli rapide, ol ĝi devis. Ĉirkaŭe estis dezerte, iel aparte malgaje. Nur en la vidvinaj legomĝardenoj apud la rivero lumadis fajro, malproksime ĉirkaŭe kaj tie, kie estis la vilaĝo, distanca je kvar kilometroj — ĉio seninterrompe dronadis en malvarma vespera nebulo. La studento ekmemoris, ke, kiam li estis foriranta el la hejmo, lia patrino, sidante en la vestiblo surplanke, nudpieda, purigadis la samovaron; la patro kuŝis sur la forno tusante; okaze de la Kristsufera vendredo oni nenion kuiris en la hejmo, kaj li malsategis. Nun, kuntiriĝante pro la malvarmo, la studento pensis pri tio, ke la sama vento blovadis dum la regado de Rjurik, de Ivano la Minaca, de Petro, ke dum ilia regado estis la sama mizerego, malsato; la samaj truitaj pajlaj tegmentoj, senklereco, malĝojo, la sama dezerto ĉirkaŭe, mallumo, sento de premado, — ĉiuj ĉi teruraĵoj estis, estas kaj estos; pro tio, ke pasos ankoraŭ unu miljaro, la vivo ne pliboniĝos. Nun li ne deziris reveni hejmen.

La legomĝardenoj estis nomataj vidvinaj, ĉar ilin tenadis du vidvinoj — patrino kaj filino.

La lignaro brulis varmege, krakante kaj lumigante malproksime ĉirkaŭe la plugitan teron. La vidvino Vasilisa, altkreska, ŝvelgrasa maljunulino en vira mallonga pelto staris apude kaj enpense rigardadis la fajron; ŝia filino Lukerio, malgranda, kun iom malsprita mieno, varioldifektita, sidis sur la tero, havante kaldronon kaj kulerojn. Evidente, oni ĵus vespermanĝis. Aŭdiĝadis viraj voĉoj: ĉitieaj laboristoj trinkigadis la ĉevalojn ĉe la rivero.

„Jen la vintro revenas", diris la studento, alpaŝante la lignofajron.

„Bonan farton".

Vasilisa ektremis, sed tuj rekonis lin kaj afable ekridetis.

„Mi ĉin ne rekonis, Dio estu kun ci", diris ŝi.

„Mi riĉiĝos,[1] kredeble", respondis la studento, kai interparolis iom kun Vasilisa. Tiu ĉi virino multsperta, servinta iam ĉe bienuloj, kiel nutristino, poste, kiel vartistino, havis delikatajn esprimojn, kaj ŝian vizaĝon la tutan tempon lumigadis milda, grava rideto; ŝia filino Lukerio, vilaĝa virino iom malsaĝa pro la batoj de la edzo, nur de tempo al tempo rigardadis la studenton per duonfermitaj okuloj, silentante; ŝi havis strangan mienon kvazaŭ surdmutulino.

„Tiel same dum la malvarma nokto sin varmigadis ĉe lignofajro la apostolo Petro", diris la studento etendante siajn manojn al la fajro. — Sekve, ankaŭ tiam estis malvarme. Aĥ, kia terura nokto ĝi estis, avinjo. Treege malgaja, longa nokto."

Li rigardis ĉirkaŭe en la krepuskon, konvulsie ekskuis la kapon kaj demandis: „Kredeble, ci aŭdis la dek-du evangeliojn en la preĝejo?[2]

„Mi aŭdis", respondis Vasilisa.

„Se ci memoras, dum la sankta manĝo Petro diris al Jesuo: ‚Kun ci mi estas preta iri en malliberejon kaj morti'. La Sinjoro respondis: ‚Mi diras al ci, Petro, ke tiun ĉi nokton, antaŭ ol la koko krios, ci malkonfesos min trifoje'. Post tiu sankta manĝo Jesuo malĝojegadis en la ĝardeno kaj preĝadis; la kompatinda Petro, elturmentita en sia animo, malfortiĝis, liaj palpebroj fariĝis pli pezaj kaj li neniel povis venki la dormon. Li dormadis. Poste, ci aŭdis, ke Judo samnokte estis kisinta Jesuon kaj perfide fordoninta Lin al la turmentontoj. Liginte kaj batante oni kondukis Lin al la ĉefpastro. Petro, lacega, elturmentita de la malĝojo kaj maltrankvilo — komprenu — ne sufiĉe dorminta, sentante, ke jen tuj-tuj okazos io terura sur la tero sekvadis ... Li pasie, sinforgese amadis Jesuon, kaj nun vidas de malproksime, kiel oni Lin batadas."

Lukerio forlasis la kulerojn kaj fiksis sian senmovan rigardon al la studento.

„Oni venis al la ĉefpasro", daŭrigis li. — Oni komencis esplordemandi Jesuon; la laboristoj intertempe ekbruligis lignon meze de la korto, ĉar estis malvarme, kaj varmigadis sin. Kun ili apud la lignofajro staris Petro; li same sin varmigadis, kiel mi nun.

La virino, vidinte lin, diris: „Li ankaŭ estis kun Jesuo"; tio signifis: lin ankaŭ oni devas konduki al esplordemandado. Ĉiuj laboristoj apud la fajro, kredeble, suspekteme kaj malafable ekrigardis lin, ĉar li konfuziĝis, dirante: „Mi ne konas Lin." Iom poste denove iu rekonis en li unu el la disĉiploj de Jesuo kaj diris: „Ci ankaŭ estas el ili". Sed li denove malkonfesis.

Trian fojon iu sin turnis al li: „Ĉu ne cin mi vidis hodiaŭ kun Li en la ĝardeno?" — Trian fojon li malkonfesis. Post tiu ĉi fojo tuj ekkantis koko, kaj Petro, ekrigardinte de malproksime al Jesuo, rememoris la parolojn, kiujn Li estis diranta al li dum la manĝo. Rememorinte, li rekonsciiĝis, iris eksteren kaj maldolĉege ekploris. Mi imagas: kvietega, mallumega ĝardeno, kaj tra la kvieto apenaŭ aŭdiĝas subpremataj ploregoj ...

La studento ekĝemis kaj enpensiĝis. Ĉiam ridetante, Vasilisa subite eksploretis; larmoj grandaj, abundaj ekfluis sur ŝiaj vangoj; ŝi ekŝirmis per maniko sian vizaĝon kontraŭ la fajro, kvazaŭ hontante siajn larmojn. Lukerio, fikse rigardante la studenton, ruĝiĝis; ŝia mieno fariĝis malgaja, streĉa, kvazaŭ ĉe homo, kiu retenas fortan doloron.

La laboristoj estis revenantaj de la rivero; unu el ili ĉevalrajde troviĝis jam proksime, la lumo de la lignofajro tremadis sur li. La studento diris al la vidvinoj „trankvilan nokton" kaj ekiris pluen. Denove li eniĝis en la krepuskon kaj liaj manoj eksentis malvarmon. Blovadis fortega vento, la vintro efektive ŝajnis reveni; estis nenia signo, ke postmorgaŭ oni havos Paskon.

La studento nun pensis pri Vasilisa: se ŝi ekploris, tio signifas, ke ĉio okazinta al Petro dum tiu terura nokto, havas ian rilaton al ŝi. Li postrigardis. Soleca fajro kviete trembrilis en la mallumo; kaj apude oni plu ne vidis homojn.

La studento denove ekpensis, ke se Vasilisa estis eksplorinta kaj ŝia filino konfuziĝinta, — evidente lia rakonto pri tio, kio estis okazinta antaŭ dek-naŭ jarcentoj rilatas al la estanto, al ambaŭ virinoj, kaj, verŝajne, al tiu ĉi dezertloka vilaĝo, al li mem, al ĉiuj homoj. Se la maljunulino ekploris, tio okazis ne pro tio, ke li scias kortuŝe rakonti, sed pro tio, ke Petro estas proksima al ŝia animo kaj ke ŝi per sia tuta estajo interesiĝas pri tio, kio estis okazanta en la animo de Petro. La ĝojo denove plenigis lian animon, li eĉ haltis momente, por spiri pli libere.

La pasinto, pensis li, estas ligata kun la estanto per seninterrompa ĉeno da okazintaĵoj rezultantaj unu el la alia. Ŝajnis al li, ke li estis ĵus vidinta ambaŭ finojn de tiu ĉi ĉeno: ĉar li ektuŝis unu finon, ektremis la alia.

Veturante sur la pramo trans la riveron kaj poste, suprenirante la monton, li rigardadis al sia naska vilaĝo kaj okcidenten, kie lumadis mallarĝa strio de malvarma ĉielruĝo. Li pensis pri tio, ke la vero kaj belo, direktantaj la homan vivon tie, en la ĝardeno kaj, en la korto de la ĉefpastro, daŭradis seninterrompe ĝis nun, kaj ŝajnas, ĉiam konsistigadis la ĉefaĵon en la homa vivo kaj ĝenerale sur la tero, la sento de juneco, sano, forto, — li havis nur dudek-du jarojn — kaj la neesprimeble dolĉa fido je feliĉo, nekonata, mistera feliĉo, ekkaptadis lin iom post iom; la vivo ŝajnis al li rava, mirinda kaj plena de alta senco. Trad.: *Anna Ŝarapova.*

[1] Rusa popola kredaĵo: homon nerekonitan atendas baldaŭa riciĝo.

[2] Jaŭdon vespere aŭ en la nokto al la vendredo dum la ortodoksa diservo oni legas dek-du fragmentojn el la kvar Evangelioj rakontantajn la areston, juĝon kaj ekzekuton de Jesuo kondamnita.

# TRA LA ESPERANTA LITERATURO

**Devo de Reĝo.** Tezo originale verkita de *A. Vandervelde* (Sek. Antverpena Geaktora Klubo). Eld. Charles H. Edmonds, 73, Sydney Road, Hornsey, London N. Prezo 6 d. 12 paĝoj. 185 : 125 mm. Kun bildo de la geaktoroj.

La teatraĵeto konsistas el interparolado de reĝo kaj de reĝino, verŝajne de Belgujo, kiuj en poeziaj vortoj esprimas la doloregon kaj la esperojn de sia multsuferinta lando. Je la fino aperas en la fundo la feino de l' paco, ilin benanta. La aŭtoro elokvente, ni rajtas diri kortuŝe, pledas por sia patrujo, sed la feino deklamanta versaĵon estas tiel konata teatrega mekanikaĵo, ke ni bedaŭras tiun neelegantan enkadrigon de interesa psikologia priskribo. *St.*

# NIA ALDONO

*Al tiu-ĉi N-ro estas aldonata senpaga dudekpaĝa broŝuro de* S-ro P-ro René de Saussure, *prezidanto de la Komisiono por la Vort-teorio (Esperantista Akademio), pri la* Vort-strukturo en Esperanto.

*Apartaj ekzempleroj de tiu-ĉi broŝuro estas senpage haveblaj ĉe la Centra Oficejo de Svisa Esp. Societo, Hotelgasse 10, Bern.*

 ESPERANTISMO 

# KRONIKO

Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikaĵojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20ª. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, k. t. p., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la nacia societoj, kies organo estas momente interrompita.

## Aŭstrio-Hungario.

*Praha:* La Esp. Rondo de F-ino instruistino Šupichova kunvenas ĉiumerkrede. Biblioteko estas fondita. Materialon por ĝi oni danke akceptos. — *Wien:* En la „Neue Wiener Handelsakademie", S-ro P-ro O. Simon malfermis novan kurson. S-ro P-ro R. Kaftan komencis sian trian instrujaron en urba burĝa lernejo.

## Britujo.

*Addington:* Nova grupo estas formita; kurso komenciĝis. — *Bath:* S-ro W. W. Mann faris bonegan paroladon pri la lingva problemo post la milito. Kurso por komencantoj okazas ĉe la Teknikaj Lernejoj sub la gvidado de F-ino Silcox. — *Bristol:* Kurso estas aranĝita sub la aŭspicioj de la „Worker's Educational Association". — *Bolton:* La societo starigis kursojn dum la vintra sezono, kaj nun instruas la lingvon al 15 novaj lernantoj. — *Burnley:* Ĉe la kvaronjara konferenco de Lancashire kaj Cheshire partoprenis ĉirkaŭ 120 samideanoj lokaj kaj aliurbaj. Post interesa laborkunveno, sekvis teo kaj vesperfesto. La proksima kvaronjara konferenco okazos en Manchester. La vintraj kursoj komenciĝis kun tre kontentiga nombro de lernantoj. — *Bury:* La kursoj rekomenciĝis kun sufiĉe kontentiga ĉeestantaro. — *Coventry:* Funkcias nun kurso por komencantoj. — *Eccles:* F-ino E. Hogg instruas Esp. al 200 geinfanoj kun la konsento de la Edukada Komitato en la Green Lane Council Lernejo Patricroft. — *Edinburgh:* La societo komencis la sezonon per amika festeto, kiun ĉeestis ĉ. 90 personoj. S-ro Harvey gvidas studrondon kaj S-ro Senior kurson por komencantoj. — *Glasgow:* S-ro W. M. Page faris sukcesan paroladon pri Esp. kaj komerco. Novaj personoj aliĝis al la grupo. La kursoj rekomenciĝis kun kontentiga vizitado. — *Kettering:* La 15ª kvaronjara konferenco de la Midland-Federacio tie okazis; ĉeestis reprezentantoj el Birmingham, Coventry, Kettering kaj Thrapston. — *Leeds:* Publika propaganda parolado okazis; el la interesata aŭdantaro oni ricevis kontentigan nombron da novaj aliĝintoj. — *Leith:* F-ino Jane Bair komencis elementan kurson. — *Londono:* La sekretario faris paroladojn en Streatham, Kingston, Wood Green, Kentish Town, Harlesden, Forest Gate, Barnsbury, Golders Green kaj Battersea. Kursoj estas projektitaj. — *Nelson:* La sekretario de la grupo de Burnley starigis kurson kun pli ol 30 lernantoj. — *Newcastle:* Sukcesa parolado estis aranĝita ĉe la Skolta Klubo. — *Plymouth:* Kurso por anoj de socialista partio bone sukcesis; oni esperas starigi kurson inter skoltoj. — *Southport:* S-ro J. Applebaum paroladis ĉe la „Temperance Instituto".

## Francujo.

*Beauvais:* Malfermiĝis du kursoj aranĝitaj de S-ro Demarcy. — *Nice:* Estas aranĝata komerca kurso en rilato kun la kursoj starigataj de la Esp. Eksperimento de S-ro Marshall. S-ro Roncati sukcesis atingi, ke la semajna gazeto „Unione Franco-Italiana" enkonduku Esp. rubrikon. — *Pré St-Gervais:* Elementa kaj meza kursoj malfermiĝis.

## Germanujo.

*Achim:* La grupo „Stelo de l' Espero" aranĝas novan kurson. — *Augsburg:* Okaze de la maturec-ekzamenoj en la realgimnazio, kie Esp. estas dukurse instruata jam 5 jarojn, la reĝa ministeria komisaro D-ro End, laŭ iniciato de S-ro P-ro Ledermann, oficiale konsentis, ke la Esp. studoj same kiel aliaj nedevigaj fakoj, estu laŭde menciataj en la atestoj de la abiturientoj. La novan kurson aliĝis 30 gimnazianoj. — *Dresden:* La Orienta Grupo aranĝis sukcesan ekskurson. — *Essen:* La ĉi-tiea grupo kalkulas nun entute 155 membrojn. Post parolado de S-ro F. Pillath, Del., malfermiĝis kurso kun 36 partoprenantoj. — *Frankfurt a. M.:* S-ro supera instruisto W. Daum gvidas kurson. — *Gera.* S-ro Ulitzsch malfermis novan kurson. La grupo aranĝis plezurigan ekskurson sub gvidado de F-ino Müller. — *Leipzig:* La Leipziga instruista unuiĝo vigle laboris por Esp. Dum la lasta jaro okazis 11 Esp. paroladoj. — *Regensburg:* Ĉe la IIIª skolta taĉmento en Regensburg, Esp. estas oficiala enkondukita. Du kursoj jam finiĝis. S-ro Menschick gvidas novan kurson kun 30 lernantoj. — *Solingen:* Nova kurso komenciĝis. La grupo aranĝis Esp. ekspozicieton. — *Wilhelmshaven:* Laŭ iniciato de S-ro Holst, el Essen, fondiĝis nova grupo.

## Hispanujo.

*Barcelona:* S-ro Rocamora organizis serion de paroladoj. La unua okazis ĉe la „Aŭtonoma Societo de Industrio kaj Komerco"; sekvis kurso de S-ro Auglada. La dua estis organizita de la societo „Paco kaj Amo"; samtempe oni malfermis du novajn kursojn sub la gvidado de S-roj Bobrigas kaj Roig; la tria okazis ĉe la Tarragona societo; la kvara, organizita de la grupo „Libera Stelo" en la granda teatro, kiu amase pleniĝis; S-ro Soler poste inaŭguris novan kurson. La Esp. anaro „Fajro", pere de S-roj R. S. Rocamora kaj F. Gorgues, kiel prez. kaj sekr. de la societo, prezentis al la Prezidanto de la Barcelona Deputataro belan pergamenan petskribon por la instruado de nia lingvo en la oficialaj lernejoj. — *Madrid:* S-ro Calahorra paroladis en la Radikala Centro kaj malfermis kurson. Ankaŭ estas malfermataj kursoj en la Esp. grupo Ateneo de Madrid, Centro pri komerca instruado kaj Socialista Suda Centro. — *San Feliu de Guixols:* La grupo „Esperanta Lernejo" malfermis siajn kursojn la 6 novembro, ili okazas lunde kaj merkrede. — *Tarragona:* Nova kurso komenciĝis; la grupo aranĝis ekskursojn; parolado okazis en la kunvenejo.

## Rusujo.

*Astraĥan:* Esp. estis prezentita ĉe la ĉi-tiea kinematografejo; Esp. ekspozicieto estis aranĝita. — *Carian* (Saratov): Fondiĝis Esp. rondeto. — *Jurjev:* Komenciĝis kursoj ĉe la loka Esp. societo. La kursojn malfermis S-ro A. Ajspurit per elokventa parolado. — *Klementjevo* (Moskva gub.): Inter ĉi-tieaj militistoj fondiĝis Esp. rondeto. — *Kozlov:* S-ro Roĥmareva raportis pri nia lingvo antaŭ grupo de geinstruistoj. — *Omsk:* S-ro D-ro Skalskij faris paroladon ĉe la Pedagogiaj Kursoj. — *Riga:* S-ro A. Krasting malfermis kurson por komencantoj. — *Simbirsk:* Artikoloj aperis en la lokaj gazetoj. — *Ufa:* S-ro V. Zavjalov presigis artikolon en la gazeto „Ufimskij Vjestnik".

## Svedujo.

*Ashammar:* Esp. societo tie fondiĝis post parolado de S-ro Helsing. Kurso gvidata de S-ro instruisto Nord estas komencita kun 19 partoprenantoj. — *Gävle:* Kurso okazas sub la gvidado de S-ro E. Adamson. — *Kungsgarden:* S-ro Helsing, el Gävle, faris paroladon. Grupo fondiĝis kaj kurso estas aranĝita kun 30 partoprenantoj. — *Stockholm:* S-ro T. Rosengren faris publikajn paroladojn. Ĉe unu el la kunvenoj de la Laborista Grupo ĉeestis S-ro deputato Morgari, el Italujo. Propagando estis farita ĉe la estraro de la Neŭtrala Konferenco. — *Storvik:* Kurso komenciĝis.

## Svisujo.

*Lyss:* Nova kurso kun 10 lernantoj komenciĝis sub la gvidado de S-ro Ernst Scheurer, Del. La grupo regule kunvenas.

## Japanujo.

*Osaka:* Fondiĝis Osaka Esp. Asocio. Kunveno okazas ĉiusemajne ĉe kafejo kaj kristana preĝejo, kaj oni gvidas kurson por komencantoj.

## DIVERSAĴOJ

∴ **Esperantista Literatura Asocio.** — E. L. A. estas internacia instituclo. En la nuna tempo ne estas eble labori internacie. Tial ni proponas, ke ni daŭrigu nian laboron alimaniere. La 33 germanaj anoj de E. L. A. rekomencis interŝanĝi manuskriptojn pro reciproka ekzamenado. Ili tiel pretigas presindajn verkojn. Ni rekomendas la saman agadon inter la aliaj nacioj. En Oficiala Gazeto 22 (62) p. 33—40 troviĝas la 4a (lasta) nomaro. Ĝi montras la adresojn de la diverslingvaj kolegoj. Ni proponas, ke en ĉiu lando la E. L. A.-anoj buŝe aŭ skribe interrilatiĝu, ke ili elektu el sia aro unu kiel sekretarion de E. L. A., kiu kolektos kaj dissendos manuskriptojn kaj ilin konservos por estonta presado. Se ĉiu verkisto kunsendas iom da mono por la poŝt-elspezoj, la sekretario dediĉas nur sian laboron al nia Literatura Asocio. La diligenta kolegaro bonvolu ĉi tion pripensi.

S-ro *Maĉernis* anoncas, ke li tradukis jenajn verkojn de Tolstoj: „Kristanismo kaj patriotismo"; „Kontraŭ milito" kaj „Milito kaj prudento".

El Boston, Mass., U. S. A., nia Asocio ricevis la gravan sciigon, ke ĉe sia oka kongreso la Bahaia Templo-Unueco akceptis Esperanton por la diskonigo de siaj ideoj. (Subs. Alfred E. Lunt.) — La sekretariino: *Marie Hankel*, Nicolaistr. 18, Dresden.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Administraj informoj pri la jaro 1 novembro 1915 ĝis 31 oktobro 1916.** — La Centra Kaso spezis tiun jaron nur Fr. 81,266. 65 kontraŭ Fr. 106,354. 69 dum 1915 kaj Fr. 164,636. 25 dum 1914. Pli ol multaj vortoj ĉi tiu komparo montras la influon de la milito sur nia pacema asocio, kaj la rezultatoj de la detalaj kontoj konfirmas la ne ĝojigan impreson de la ĝenerala kalkulo. La enspezoj el kotizaĵoj estis je Fr. 120 malpli altaj ol la lastan jaron; ankaŭ la nombro de la entreprenoj malplimultiĝis, kaj la „Pagitaj Servoj", kies enspezoj bone helpis dum 1915, fariĝis ĉefe „nepagitaj". La elspezoj estis modestaj, sed fariĝis gravaj pro la eldonado de Jarlibro, kiu kostis nete Fr. 1244 kaj, kontraŭ nia atendo, varbigis eĉ ne kvindek pliajn membrojn. Oni ne miru, se, post tia sperto, ni prokrastos novan jarlibron ĝis kiam paca stato denove permesos la efektivan utiligon de tiu eldonaĵo. Malgraŭ ĉiuj malfacilaĵoj la Centra Oficejo de UEA povis ekzisti, bone funkciis kaj havis nur deficiton de Fr. 100. Tiun relative bonan rezultaton ni dankas al diversaj cirkonstancoj, kiuj verŝajne ne ripetiĝos dum 1916/1917. Estas tial nia devo atentigi, ke por la nova jaro pliaj enspezoj, precipe el kotizaĵoj, estas nepre necesaj. Pro la plikarigo de la vivo la elspezoj en diversaj gravaj kategorioj kreskos, kaj facile estus ankaŭ kreskigi la enspezojn se niaj Delegitoj kaj sindonaj membroj bonvolus pli ol nun sin okupi pri la varbado. Ree kaj ree ni spertas, ke multaj personoj ne repagas nur ĉar la Delegito malzorgis ĝustatempe enkasigi la kotizaĵon.

La nombro de la membroj, kiu preskaŭ egalas tiun de l' antaŭa jaro, vidiĝas el sekvanta tabeleto:

| | Jaro 1916 | 1915 |
|---|---|---|
| Ordinaraj membroj | 2468 | 2412 |
| Subtenantoj | 111 | 143 |
| Dumvivaj membroj (antaŭa sistemo) | 22 | 22 |
| Subtenantoj | 128 | 122 |
| Honoraj membroj | 10 | 10 |
| | 2739 | 2709 |
| Depreno: Kalkulita en du kategorioj | 5 | 5 |
| | 2734 | 2704 |

Nedube estas, ke kun iom da bonvolo de la Esperantistoj, ni reatingos post la milito niajn kutimajn ses ĝis ok mil membrojn. Nur oni bonvolu rememori, ke ankaŭ dum la milito UEA devas ekzisti kaj havas gravajn taskojn plenumotajn.

Pro la malpliigo de la peraditaj leteroj, la nombro de la korespondaĵoj malplimultiĝis. Ricevitaj poŝtaĵoj: 12,511 (antaŭa jaro: 41,976), senditaj: 18,688 (55,439), sumo: 31,199 (97,415).

*Ed. Stettler*, Financa Fakestro.

**Bilanco (31 oktobro 1916).** — Valoro en svisaj frankoj.

| Aktivoj | Fr. | Pasivoj | Fr. |
|---|---|---|---|
| Kaso | 173. 10 | Bonhavo de „*Esperanto*" | 2,723. 05 |
| Bankoj | 5,067. 34 | Konthavantoj | 1,925. 21 |
| Debitoroj | 1,201. 39 | Kreditoroj | 181. 65 |
| | | Konto 1917 | 445. 73 |
| | | Komerco | 66. 20 |
| | 6,441. 83 | | 5,341. 83 |
| Perdo de l' jaro | 100. — | Antaŭa havaĵo | 1,200. — |
| | 6,541. 83 | | 6,541. 83 |

La havaĵo de la Centra Kaso estas nun 1100 Fr.; krom tio ni posedas rezervon kaj la Garantian Kapitalon, se eble ne por la kutima administrado uzotan, pri kiu ni raportos dum januaro.

La laŭstatuta kaskontrolado per du Delegitoj, elektitaj de la Komitato, ne povis okazi; en proksimeco de Ĝenevo kompetentaj Delegitoj ne estis troveblaj, ilin venigi el aliaj urboj malpermesis la cirkonstancoj kaj la kasstato. Tial ni turnis nin al la Bankverein Suisse en Ĝenevo, unu el la plej grandaj bankoj, kiu havis la afablecon, ekzamenigi per unu el siaj prokuristoj ĉiujn kalkulojn kaj la Garantian Kapitalon. — Li jene raportas:

„Kontrolinte la diversajn postenojn de la bilanco kaj de la detalaj kontoj kaj trovinte ĉion en perfekta ordo, mi proponas la akcepton de la kalkuloj kaj la malrespondigon kun gratuloj por la maniero de la librotenado.

*Genève*, la 13 novembro 1916.

Laŭ speciala delego
de l' Bankverein Suisse, sidejo Ĝenevo:
*J. Schmied.*"

**Komitato de UEA.** — La Komitato de UEA, demandita per cirkuleroj dum oktobro, akceptis la jenan decidon:

„Konsiderante, ke la ĝisnunaj atestoj de la Garantia Kapitalo estos baldaŭ elvenditaj, kaj ke laŭ §§ 6 kaj 7 de la Statuto devas ekzisti aranĝo por fariĝi Dumviva Membro aŭ tridekjara Entrepreno, la Komitato decidas:

Estas kreataj cent novaj atestoj de la Garantia Kapitalo, kiuj valoras po 125 frankoj (svisa mono) kaj estos numerigataj de 201 al 300. La sumo por ĉiu atesto devas esti sendata al la administranta banko plej malfrue tri monatojn post la pagpromeso. La novaj atestoj estas vendataj sub

la samaj kondiĉoj kaj ili donas tute la samajn rajtojn, kiel la antaŭaj du cent atestoj.

La regularo pri la kolektado kaj administrado de la Garantia Kapitalo de UEA, de oktobro 1912, valoras laŭsence ankaŭ por la novaj atestoj, escepte § 4 a, tria kaj kvara frazoj, kiuj rilatas kondiĉon de longe plenumitan.

La speciala Administrantaro de l' Kapitalo, kies ofictempo finiĝis, estos reelektata post la militfino. Ĝis tiam prizorgos la kalkulojn la Financa Fakestro, sub la kontrolo de l' Komitato."

## Garantia kapitalo.

**Listo de garantiantoj** (Dua parto)

| | Frankoj |
|---|---|
| 1. H. Herlemont, Paris | 125 |
| 2. Ch. Brunet, Bordeaux | 125 |
| 3. John P. Nix, Eastbourne | 125 |
| Frankoj | 375 |

Ĉiu Garantianto estas dumviva membro de UEA kaj senpage ricevas la luksan eldonon de „Esperanto". Mendojn de atestoj oni bonvolu adresi al la Centra Oficejo de UEA. La sumo estu pagata plej malfrue tri monatojn post la promeso al UEA, aŭ prefere al la banko, kiu kvitancos la ricevon. Adreso: Kantonalbank Bern (Banque Cantonale Berne), [Nationalbankkonto 1020, Svisa poŝta ĉeko III, 106].

La Financa Fakestro: *Ed. Stettler.*

**Kotizaĵoj por 1917.** — Je la 31 oktobro estis enkasigitaj 80 kotizaĵoj (el kiuj 10 subtenantoj). Krom tio estas 153 dumvivaj membroj. Sume: 233. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 4.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato oktobro:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 588 | 731 |

*Tuta sumo*: 1319. (Antaŭa monato: 1366.)

## Novaj Delegitoj.

*La Roche-sur-Yon* (Francujo, Vendée). — D.: S-ro Léon Giraud, teknika oficisto de la Pontoj kaj Vojoj, rue de la République.

*Perpignan* (Francujo, Pyrénées Orientales). — D.: S-ro Frédéric Cros, elektra entreprenisto, 19, rue des Marchands.

*Tours* (Francujo, Indre-et-Loire). — D.: F-ino Louise Asselin, paperejo, 7, avenue de Grammont.

## Ŝanĝoj.

*Astrahan* (Rusujo). — VD.: S-ro Teodoro Kulagin, kontoro Gubkin-Kuznecov.

*Liverpool* (Anglujo, Lancashire). — Pro mobilizo de la Delegito, S-ro G. D. Lewis, oni sin turnu al la nova VD.: S-ro I. Alvarez, 41, Ferndale Rd.

# Kristnaska donaco al Esperantistaj militkaptitoj

Kiel oni povis konstati el la listoj regule publikigataj ĉi-tie, troviĝas en la diverslandaj kaptitejoj kelkdekoj da Esperantistaj militkaptitoj, kiuj, ĉie kie tio estis ebla, penis, ofte kun sukceso, disvastigi nian liegvon inter siaj kamaradoj. Dezirante doni al tiuj samideanoj troviĝantaj nun en doloraj cirkonstancoj ateston pri nia komuna simpatio kaj pri la sento de solidareco, kiu ligas ĉiujn niajn pacajn kunbatalantojn, la C. O. de UEA, okaze de la Kristnaskaj kaj Nov-Jaraj festoj, decidis sendi al ĉiuj militkaptitaj membroj de UEA kaj aliaj Esperantistoj, kiuj estas en rilatoj kun ĝi kaj kies adreso estas konata kiel fidinda, pakaĵeton, kiu, por la plimultaj personoj, enhavas porcion de ĉokolado (250 gr.), fiŝ- kaj viandkonservajon (250 gr.), tabakon (100—200 gr.) kaj, kie tia sendo estis ebla, panon (1 kg.). Al kelkaj personoj, pro eksportmalpermesoj aŭ aliaj ekspedmalfacilaĵoj ni sendis, anstataŭ manĝaĵojn, provizon de Esperantaj libroj. Same ni agis kun la internigitoj en nemilitantaj landoj, kiel Nederlando kaj Svisujo.

La elspezoj por tiuj donacoj sumas 240 Frankojn, kiuj estis pagataj po du trionoj de la centra kaso de UEA kaj po unu triono de la gazeto *„Esperanto"*. Plie estis uzitaj libroj por ĉirkaŭ 60 Fr.

La pakajoj estis ekspeditaj fine de novembro, tiel ke ili povu esti liverataj meze de decembro antaŭ la troŝarĝo de la poŝta servo dum la Kristnaska periodo. Ili alportu al ĉiuj niaj samideanoj la korajn bondezirojn kaj pacesperojn de la Esperantistaro okaze de la nova jaro.

* * *

Jen, laŭ alfabeta vico, la nomaro de la Esperantistoj, al kiuj estis sendita la Kristnaska pakaĵeto:

*Kaptitoj en Anglujo:* Brühe, Guyot, Tauche, Greuling, Breuer, Geier, Gerwat, Gruhlke (Hindujo), Hirsch, Jædicke, Keilberg, Lange, Uhlenbruck, Uhlmann, Werneburg, Werner, Urban, Schubert, Baumgartner, Philipp.

*Kaptitoj en Aŭstrio-Hungario:* Beraha, Cossaro, Ivanoff, Mondini, Motrenko-Timofjeff, Petrov, Ŝilov, Sokolof, Vasiljef.

*Kaptitoj en Francujo:* Böning, Borchers, Burger, Hunger, Jurig, Kuberski, Laguer, Omlor, Szikszay, Szuchot, Zwickl.

*Kaptitoj en Germanujo:* Aragon, Carrette, Cart, Comte, Cotelle, Courtinat, Devjatnin, Eschembrenner, Gouchon, Kaplan, Lagarde, Leroy, Levoy, Lhuissier, Malengreau, Penisson, Petit G., Petit H., Petit Y., Pinel, Pourchelle, Prenois, Raffin, Ragon, Servais R., Servais G., Swiatly, Verlague, Zuber.

*Kaptitoj en Italujo:* Schatz.

*Kaptitoj en Rusujo:* Baghy, Czukor, Eckstein, Gareis, Jankovich, Neumann, Rosenstock, Rudolf, Sochanski, Ŝupich, Szekaes, Taubmann.

Al la internigitoj en *Nederlando* kaj *Svisujo* estis sendita pakaĵeto de libroj.

# Pri la literaturo Esperantista

Estimata Sinjoro Direktoro,

En la oktobra N-ro de *„Esperanto"* aperis artikolo titolita: *Meditado pri la literaturo Esperantista*, kun la celo instigi niajn verkistojn, ke ili fondu propran literaturon, verku originalaĵojn kaj traduku sole klasikajn skribaĵojn. Ĉar ankaŭ aliloke voĉoj je la favoro de „originala" Esperantista literaturo estis aŭdeblaj, vi afable permesos la publikigon de alia opinio. Ĝi devenas de praktikulo, kiu timas, ke la rekomendita vojo nin kondukos en literaturan angulon, anstataŭ al la supro de monto de kiu ni havus larĝan, liberigan vidajon super la spiritaj produktoj de la popoloj.

Via korespondanto pretendas, ke la literaturo estas la speguIo de nacio, ĉar la vivplenaj nacioj havas vivplenan literaturon, k. t. p.; ke la verkistoj esprimas la sentojn kaj pensojn proprajn al sia popolo kaj ke bona verko ebligas, ke el ĝi oni povu eltiri ekzemplojn

imitindajn por la bonfarto de la homaro. Nun, estas konate, ke en la historio de la popoloj la literaturaj kaj la artamantaj epokoj sin sekvas malregule kaj ne devige rilatas al la ĝenerala spirita bonstato de nacio. Plie povas okazi, ke ĝuste tre vivplena popolo dediĉas sian inteligenton ĉefe al sciencaj kaj teknikaj problemoj, dum alia, kiu pro iuj kaŭzoj ne havas la eblecon praktike efektivigi siajn politikajn, socialajn kaj organizajn ideojn, sin konsolas, ilin pritraktante literature kaj filozofie. Fine, ĉar la kondiĉoj sub kiuj kreiĝas genio ne estas konataj, estas treege riske, mezuri la kulturan valoron de popolo laŭ la nombro kaj speco de literaturistoj, de ĝi produktataj. La mizerigaj malspritaĵoj publikigitaj post la militeksplodo kun la celo malestimigi malamikan nacion, forŝtelante aŭ eligante ĝiajn grandajn homojn, pruvas, kien oni alvenas kun tiu sistemo. Ke verkisto esprimas klare la kaŝitajn sentojn kaj ideojn de sia nacio, povas esti. Same bone li povas kritiki sian popolon kaj doni al ĝi tute novajn celojn. Aŭ, kio laŭ certaj literaturaj historiistoj estas ĝuste la gloro de eminentulo, ĉi tiu esprimas ideojn tutmondajn, kies ĉefaj radikoj ne pruveble kreskis en lia patrujo. Tiu demando estas tiel malfacila kiel la alia, kun la eterna diskutado ĉu literaturaĵo devas enhavi „bonajn tendencojn", kaj pentraĵo esti bela en la senco, ke ĝi reprezentas ion agrablan al la okulo. Kontraŭ la malnova tendenco, prijuĝi ĉion laŭ morala vidpunkto stariĝis nova, kiu vidas la mezurilon ne en la ideo aŭ materio pritraktata, sed en la maniero kiel problemo, libere elektita de la artisto, estas solvata. Feliĉe ne estas nia tasko tion decidi; sufiĉas memorigi pri la ĉiamaj malsukcesoj misuzi la arton por pruvi aŭ glorigi laŭ ordono iun opinion, iun nacian aŭ internacian intereson, k. t. p.

Sin apogante sur la montritaj tezoj, forte bazitaj kiel troŝarĝata ŝipo sur maltrankvila maro, la aŭtoro postulas por la nova, Esperantista popolo la necesan literaturon. Riproĉi la belan komparon de nia samideanaro kun popolo estus same malsprite kiel mallaŭdi nian Majstron pro la konsilo perdi cent kaj mil grenerojn semante sur malbona tero. Sed alie estas la poezio, alie la realeco. El la fakto, ke ni efektive perdis milojn da frankoj pro nepraktikaj entreprenoj, ne sekvas devige, ke ankaŭ el la komparo de la „popolo" ni elprenu ĉion eblan por komplikigi la movadon. Unuigas nin komuna lingvo, amika sento kaj la ideo spirite alproksimigi la naciojn. Ni kune batalas kontraŭ la malamikoj, eble iam kondukos liberigan militon kontraŭ nia propra partikularismo, kaj posedas literaturon kaj organizajn aranĝojn. Jen nia inventario: valora kaj sufiĉa por nia celo, ridinda se ni komparas ĝin al ŝtato. De tiu ni ja nete diferencas, ke ni nek havas, nek volas teron, ne zorgas por la vivrimedoj de niaj anoj, ne faras iun ajn politikon kaj, tre grave, havas neniun kompetentecon aŭ povon devigi la samideanojn al iu pago aŭ agado. Membro eksigita de unu el niaj societoj povas laŭplaĉe resti privata Esperantisto. Plie, la ideo de popolo montras aron de personoj el sama deveno, kun similaj ecoj aŭ tendencoj kaj do malsimila al alia popolo. Nia ĉefa tendenco estas ĝuste kontraŭa: al ĉiuj popoloj ni alportas komunan ideon, por ke malgraŭ sia diverseco ili interkonsentu pri la sama helplingvo kaj klopodu sin pli bone interkompreni. Se tiun novan komunecon, pure spiritan kaj malfermatan al ĉiu bonvola loĝanto de la tero, se tiun amikaron oni denove nomas popolo, oni atentu, ke oni poete uzas vorton kun certa senco por tute nova afero.

Ni revenu al la literaturo, kiu, laŭ la aŭtoro, devas vivigi la ideojn de la Esperantistaro, veki entuziasmon en ĉiu vera Esperantisto, kiu devas paroli la varmegajn kaj esperdonajn vortojn pri la nova celo de la homaro, k. t. p., k. t. p.

Se ni bone komprenas la belan frazon, la aŭtoro pensas al la mirindaj poeziaĵoj al ni donacitaj de Zamenhof kaj de kelkaj aliaj. En la sama vico, ne la sama rango, sekvus la multaj artikoloj pri la rolo kaj la valoro de nia lingvo, la parte bonegaj admonoj pri nia dummilita tasko, kiujn, skribitaj de diversaj aŭtoroj, kolektis „Esperanto", k. t. p. Alia speco, ne literatura kaj tamen utila, estas la aro de organizaj kaj administraj skribaĵoj, la konsiloj por propagandi kaj similaj aferoj, ĉiuj montrantaj la bonan vojon al la celo.

Ĉu ni rekomendu al la literaturistoj verki en tiu direkto? Tute ne. Nedube la poeziaĵoj kaj artikoloj, kiuj nin entuziasmigas, kiuj tuŝas nian koron, streĉas ĉiun muskolon de nia energio, estas la gloro de la Esperantista literaturo. Nedube ankaŭ ili estas majstraj verkoj. Da ili ni posedos ne unu pli ol kapablas fari niaj poetoj.

En la ĝusta horo, movata de sia genio, la poeto verkas tion al kio lin kondukas la koro. Li nek bezonas, nek povas akcepti iun konsilon. Kiu ĝin prenus do, tiun konsilon? Nun, la dua-kaj dudekarangaj „poetoj" plezurege sin apogus sur ĝi por pravigi la aĵojn prozajn aŭ ritmigitajn, per kiuj ili nin enuigas. Nia Esperantista idealo, kiel ĉiu idealo, estas tre malfacile prikantebla; direkti al tiu plej alta celo niajn skribistojn pruvas, ke oni ne komprenas la kondiĉojn de arta laborado. Por la artisto la sola direktilo estas: serĉu mem.

Sed tiam la nombro de la originalaj verkoj en Esperanto ne kreskos sufiĉe rapide? Nun, kiu en la mondo, ni petas, havas la rajton postuli, ke ni havu grandan originalan literaturon? Kaj per kio pruviĝas, ke originalaĵoj tiel multe helpas nin, la lingvon, la movadon, aŭ ion ajn? Estas intermikso de kvanto kaj kvalito. Zamenhof kun sia magia lingvobastoneto grande malfermis la pordegojn de la tutmonda literaturo: jen, la trezoro estas al vi, levu ĝin. Kun peno, malpli granda ol originala verkado, niaj aŭtoroj povas fandi tiun oran trezoron en formo konvena al ĉiu, kiu lernas la facilan lingvon. Kaj nun, antaŭ tiu amaso de altvalora literaturo, oni volas nin devigi, ke prefere ni legu la ideetojn de sinjoro X. kaj de fraŭlino Z., ĉar ili estas Esperantistoj? Admiri muzikludon de infano aŭ laŭdi ŝmiraĵon de pentrista kuzino estas ĝentilaĵoj eble pravigeblaj per motivoj momente pli gravaj ol la arta vereco; en Esperantujo, aliaj ol la literatura bongusto ne devas ekzisti. Cetere, por leganto, kiu ne intence sin trompas, ĉiuj ecoj aŭ malbonecoj de l' aŭtoro estas ja egalaj, li prijuĝas la verkon. Ankaŭ se ne estas aŭtora nomo, aŭ falsa, aŭ se Esperantisto prezentus kiel originalaĵon ŝtelitan tekston, tio nenion ŝanĝas.

Sekve, nun sekve ni detenu nin konsili pri nekonsileblaj aferoj. Kiu intencas verki originale konsciu, ke Esperantista membrokarto ne estas anstataŭigilo por manko da pensoj kaj serioze ekzamenu siajn kapablojn. Kaj ni estu tiel ĝentilaj lasi al la verkisto plenan liberecon elekti la temon kaj formon por kiuj plej taŭgas lia talento. Per la ĉiama glorigo de nia originala literaturo, kiel unu el la ĉefaj profitoj de Esperanto, la gazetoj kaj propagandistoj ne servas la movadon. Certe ni havas originalaĵojn, pri kiuj ni rajtas fieri. Ke la resto ne egalvaloras la multajn bonegajn tradukojn el majstroverkoj estas neniu kaŝinda malbono: Kelkaj miloj da Esperantistoj ja ne povas konkurenci la tutmondan literaturon. Neniu instruitulo tion postulas, kaj ni estas malpravaj, se el tiel memkomprenebla fakto ni konstruas mankon perforte forigotan. *Ed. St.*

---

# Niaj Mortintoj

La jenaj samideanoj mortis sur la batalkampo. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Feyerabend,** el Witten a. d. Ruhr (German.).

**Gründler,** membro N-ro 3825, el Augsburg (German.).

**Hess,** membro N-ro 3996, el Hannover (German.).

**Rader,** membro N-ro 3290, el Niederlössnitz (German.).

**Rath,** membro N-ro 9086, el Dortmund (German.).

**Saillens** (kapitano), Subtenanto N-ro 362, el Perpignan (Francujo), eks-Delegito de UEA en Monkay (Tonkino), fervora kaj malnova Esperantisto, varma amiko de nia Asocio.

* * *

Ni kun bedaŭro sciiĝis pri la morto de **S-ro D-ro Scougal** (naskita en 1846), el Edinburgo, eminenta edukisto kaj fervora propagandisto de nia lingvo, inspektisto de lernejoj en Skotlando. Tiuokaze S-ro J. M. Warden sendas al ni la jenan nekrologian noton:

„... Liaj talentoj de karaktero, intelekto, kaj temperamento faris lin altvalora publikisto, kaj liaj taktoplena juĝo, trankvila bonhumoro, kaj larĝeco de opinio igis lin kara por ĉiuj. Li estis ĉiam preta ricevi novajn ideojn kaj proponojn, kiujn neniam li forjetis sole ĉar ili estis novaj; kontraŭe, ilia noveco lin interesis. Kiam, do, li ekkonatiĝis kun Esperanto, tute nature estis, ke li tuj esploru la principojn de la lingvo. Studinte Esperanton sub la gvidado de F-ino Munro, li baldaŭ konvinkiĝis pri ĝiaj mirindaj genieco kaj beleco, kaj de tiam estis fervora partiano de la ideo de tutmonda lingvo. Li dediĉis multe de sia tempo al nia afero, kaj neniam preterlasis ian okazon por propagandi. Kiom lia tre okupata vivo permesis al li, li legis la literaturon de nia lingvo kun profunda ŝato, kaj la oftaj notoj sur la marĝenoj de liaj postlasitaj libroj atestas la viglan intereson de lia studado. Li tre deziris partopreni en la internacia vivado de la universalaj kongresoj de Esperanto — laŭvice en Krakovo, Berno kaj Parizo; sed ĉiun fojon aliaj aferoj malhelpis tion, je lia granda ĉagreno. Li tamen ĉeestis en 1914 la Naŭan Skotan Kongreson ĉe Kilmarnock, kie li urĝe rekomendis la instruadon de Esperanto en la publikaj lernejoj. Liaj opinioj pri tio poste aperis en „Esperanto Monthly" de majo 1915, kaj estas majstra prezentado de la argumentoj por la enkonduko de Esperanto en lernejojn. Lia sola bedaŭro pri la kara lingvo estis tio, ke li ne pli frue konatiĝis kun Esperanto, ĉar dum sia oficiala kariero li sendube estus povinta pli influi siajn edukistajn kolegojn. Ankaŭ li povis iri al la Sesa Brita Kongreso ĉe Eastbourne kaj la Naŭa ĉe York, kaj la ĉeestintoj ĉe ĉi tiu en la lasta junio memoros lian elokventan paroladon, kiam li proponis peti la Ambasadorojn Britan en Petrogrado kaj Rusan en Londono esplori la utilecon de Esperanto por komercaj kaj aliaj rilatoj inter siaj landoj. En 1914 li elektiĝis Prezidanto de la Skota Federacio Esperantista, kaj en 1915 Prezidanto de la Edinburga Esperanto-Societo, kaj tiujn oficojn li tenis ĝis sia morto.

Ĉe la funebra ceremonio kaj enterigo ĉeestis granda aro de amikoj, inter kiuj estis multaj Esperantistoj. Sur la tombon metis girlandojn la grupo kaj la federacio.

Al la edzino de nia amata amiko, al la filino, kaj al la du filoj la Esperantistaro proponas sian sinceran simpation! — *J. M. W.*"

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.*
PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.*

AUCKLAND (New Zealand). — S-ro Leslie A. Watson, 4, Summer Street Ponsonby, foto kaj PK, PM (kun alilandanoj).

BAKU (Ruslando). — S-ro Vadimo Stopani, Sadovaja ul. 21, L, PI, PM, gazetoj.

BREDA (Nederlando). — S-ro J. Sterkmann, teknika desegnisto, Van Coothplein 52 a, L, PI.

CULEMBORG (Nederlando). — Ph. de Ruiter & Zoon deziras rilatojn kun cigarvendistoj aŭ komercistoj.

KARLSTAD (Svedujo). — S-ro T. Andersson, Rosenbad 9, PM, PI (kun ĉiuj landoj).

LUGANO (Svisujo). — S-ro Alessandro Benicchio, studento, Casella postale 19,636.

MEXICO (Meksiklando). — S-ro Ernesto E. Guerra, poŝtestro, L, PI (kun ĉiulandanoj, prefere kun larĝanimaj Esperantistinoj).

MONTEVIDEO (Urugvajo). — S-ro Antono Zorrilla de San Martin, 493, strato Rincon, PI, bfl.

NIJNIJ-NOVGOROD (Ruslando). — S-ro Aleksandro Kavaraŝkin, Polevaja 1, kv. 9, PI, L.

OREL (Ruslando). — S-ro Boris Popov, Bolŝaja Meŝĉanskaja, dom Larionova, nur per L (serĉas konstantajn ĉiulandajn koresp. pri temoj, kiuj donas eblecon bone interkonatiĝi, ekz. pri nia lingvo, pri moroj kaj vivkutimoj, pri etikaj kaj politikaj demandoj, k. t. p.).

PITTSBURGH (Usono, Pa.). — S-ro Joseph Ballay, c. o. Farmers Deposit Saving Bank, PI, L.

ROTTERDAM (Nederlando). — S-ro J. H. A. Sens, 86 c, Watergeus, PI, L, ankaŭ pri oksigena metallutado.

ROTTERDAM (Nederlando). — S-ro A. C. Bakels, Stationsweg, pri kompara lingvostudado en kaj pri Esp., hol., latina, franca, itala, angla, germ., norv., dana, malaja, ĥina, sanskrita, hindustana, malnov- kaj nov-greka, sveda, kaj hebrea lingvoj. Ankaŭ pri ilia literaturo.

ROTTERDAM (Nederlando). — S-ro P. Hoogmoed, Marinestraat 7c, PM, PI kaj gazetoj (kun Aŭstrio-Hungarujo kaj aliaj landoj).

ZEIST (Nederlando). — S-ro Alfred Nachtergaele, belga internigito, Génie belge, Cie Projecteurs, PI (speciale deziras svisajn gekorespondantojn).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

ESPERANTISTAJ ELDONAĴOJ. — La Biblioteko de UEA deziras akiri la eldonaĵojn Esperantajn aperintajn ĉe Tümmel, Nürnberg, ĝis la jaro 1898/99. Proponojn oni sendu al UEA, 10, rue de la Bourse, Genève.

POŜTMARKOJN, malnovajn kaj novajn, por kolektantoj liveras je malalta prezo Otto König, Kasernenstr. 31, Zittaŭ (Germanujo). Dummilita korespondo nur en angla, franca, germana lingvoj. Prezaro senpage.





PRESEJO BÜCHLER & KO, BERNO